# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **22/03/2013 Cent-kvara Eldono 22/03/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## Skribu, informu 230 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

**GRAVAJ DATOJ** vidu **Tamen Plu** redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

**AŬSKULTU ESPERANTAN RETRADION TAGE**

Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html





**Kion alportas komputiloj kaj interreto al Esperanto?**

Mi nur menciu la daŭran problemon pri la entajpado de la supersignitaj literoj. Ekzistas por tio jam bonegaj solvoj, sed multaj skribantoj de retmesaĝoj kaj de afiŝoj en retaj forumoj ankoraŭ uzas surogatan skribon. Do la novaj teknikaj rimedoj estas tiel favoraj al Esperanto ke la pluan evoluon bremsas nur la esperantistoj mem. La junaj homoj aliflanke kiuj ja bone kapablas utiligi la novajn teknikajn rimedojn, ne jam sufiĉe bone regas la lingvon kaj tial daŭros ĝis estos sufiĉe da homoj kiuj regos ambaŭ. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 1ptm
ĉe la Brisbane Square Library.
Kay Anderson 07 3372 7006



# La Brisbana Esperanto-Kafklubo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 3ptm
ĉe la Coffee Club en Brisbane Square.

Por pli da informoj vizitu http://www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/



# La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)



# Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

16/03/13 Venis 5 Roger, Eunice, Chris, Ian, John.



# Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos Dimanĉon la 24an de Marto 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.
Je la dua horo kunsido pri la lingva festivalo.



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ venanta: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

## Esperanto en Sudaŭstralio (**La Adelajda Esperanto-klubo.)**

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.

Mi trovis sur paĝo 6, AE103, ke mankas al vi novaĵoj de Esperanto en Sudaŭstralio. La vero estas, ke la formala kaj ĝusta nomo de la adelajda Esperanto-klubo estas Esperanto en Sudaŭstralio, sed ke la plej multaj el niaj membroj ne uzas tiun nomon.

Plej amike, Bob Felby



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h.

## Esperanto League of Western Australia Inc.)

Anoj de nia ligo kunvenas monate la unuan sabaton por komitat-aferoj kaj la trian sabaton por konversacia lingvo-studado.

Ni tre bonvenigas vizitantojn. **esperantowa@hotmail.com Tel: (08) 9343 9532.**

## Aliajn grupojn montras AEA http://www.esperanto.org.au/aea/

## Ĉu ili ne plu funkcias? Ĉu estas aliaj?

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO
ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

Ĉu la kontoj de tiu periodo estas sufiĉe detalaj por respondi al la demandoj?

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 11atm

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

## LETEROJ de la legantoj





Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Mi scias, ke almenaŭ 3 fojojn mi perdis aŭ ne ricevis leterojn. Se mi ne uzas vian leteron resendu ĝin



La morto de Ivan vere ŝokis min. Li estis homo unika kaj bonkora, kiun mi alte estimis. Vi aŭstralianoj certe sentos lian mankon en via Esperanto-agado. Kia malfeliĉo!

Humphrey Tonkin USONO



Mi tre bedaŭras la forpason de mia kara amiko Ivano Heldzingen. Ne nur por mi, sed precipe por lia kara kaj granda familio tio vere estas perdo de iu, kiun ni ĉiuj tre amas.

Ivano estis ne nur bonkora, amikema, ŝercema kaj bonhumora, li estis antaŭ ĉio komprenema kaj gastema. Li ĉiam havis por ĉiu bonan vorton kaj bonege sciis kiel plaĉi al ĉiuj. Mi esperas, ke li ne embarasiĝas nun legante tiujn vortojn el mia sincera koro.



Li estis bona, eĉ bonega organizanto de ĉio, precipe Esperanto-organizado. Krom tio li bonege sciis la leĝon, kaj krome multajn diversajn lingvojn tute fremdajn al aŭstralianoj, ekz. la germanan, eble eĉ la nederlandan, pli-malpli bone komprenis multon el la skandinavaj lingvoj, sed ne nur tio, estas pli, li bonege komprenis kaj sciis konversacii en la rusa kaj eĉ en la ĉina. Li eĉ nomis siajn du karajn hundinojn per ĉinaj nomoj. Tre eksterordinara homo li estis, amata kaj respektata de ĉiuj, kiuj havis la bonŝancon ekkoni lin.

El mia tuta malĝoja koro mi en la nomo de miaj du hundoj kaj mi mem provas esprimi miajn plej sincerajn kondolencojn al Heather kaj iliaj gefiloj kaj aliaj familianoj kaj geamikoj.

Kara Ivano, dankon pro ĉio, kion vi faris por mi. Vi estis eminentulo !

Bob Felby

# Funebraĵparolo de Daniel Kane

kiun angle legis Charles Stevenson dum la ceremonio en Melburno.

Kara Roger, mi alsendas E-o tradukon (iom ŝanĝitan de la angla, ĉar la legantaro estas ne la sama) de mallonga kontribuo al la multaj nekrologoj por Ivano. Danielo.

Ivano estis 18-jarulo kiam li eksciis pri Esperanto. Li trovis la telefon-numeron de la Melburna Esperanto Klubo, renkontis la klubanojn kaj ekentuziasmiĝis. Li ellernis la




lingvon tre rapide, kaj post unu jaro oni petis lin instrui en la klubaj kursoj. Je tiu tempo Ivano laboris en la Commonwealth Bank en Elizabeth Street, Melburno. Ĝuste en tiu banko laboris alia juna Esperantisto, Danny Kane. Ili ĉiam parolis Esperanton kune (je la miro, kaj eble la ĝeno, de aliaj bankanoj). Ili, kun aliaj Esperanto-parolantaj samaĝuloj, fariĝis la kluba junularo. Ili tradukis artikolojn, aktoris en teatraĵoj (en Esperanto, kompreneble), kaj eĉ verkis sian propran gazeteton. Inter ili estis ankaŭ Heather. Oni ofte diras "edzino … fino [de Esperanto entuziasmulo]", sed por Ivano kaj Heather tio estis nur la komenco de preskaŭ kvindekjara geedziĝo, en kiu Esperanto ludis gravan rolon, kaj komence, kaj dumvive.



En la Esperanto klubo estis multaj homoj naskitaj kaj edukitaj en aliaj landoj. Por ili la angla lingvo estis ilia dua, tria, eĉ kvara lingvo. Ili havis tre interesajn travivaĵojn, kaj fascinajn, kaj tragikajn. Ivano, naskita en Aŭstralio, havis rektan kontakton kun la ekster-Aŭstralia mondo. Tio donis al li pli profundan kaj multaspektan komprenon pri la realaĵoj de la homa vivo kaj internaciaj aferoj, multe pli ol la plejparto de liaj samtempuloj.

Je tiu tempo, ankoraŭ ne dudek jara, Ivano lernis ankaŭ la rusan lingvon en vesperlernejo dum du-tri jaroj, kun sia kutima entuziasmo, kaj en mallonga tempo lernis ĉi tiun malfacilan lingvon ĝis la HSC/VCE nivelo (la plej alta grado en mezlernejo, preparo por universitataj kursoj). Li studis ankaŭ matematikon kaj ekonomikon en la vesperlernejo, kiuj kondukis poste al liaj universitataj kvalifikacioj kaj profesia kariero.

Tiu ĉi amo por lingvoj, precipe por Esperanto, restis kun Ivano dum la tuta vivo. La rusa lingvo ja estis sufiĉe malfacila, sed en siaj kvindekaj jaroj li ekkomencis lerni la ĉinan lingvon, kaj studis kun granda diligenteco. Dum la Universala Kongreso en Pekino, Ivano ĝojegis paroli Esperanton kun la samideanoj kaj ĉine kun la lokanoj. Li ankaŭ ellernis la indonezian lingvon ĝis tre alta nivelo, kaj entuziasme intencis partopreni la unuan Indonezian kongreson. Sed en la vivo, niaj planoj kaj esperoj ne ĉiam realiĝas.

Post emeritiĝo, li laboradis por la akcepto de Esperanto en la Aŭstralia eduka sistemo. Li



senĉese skribis al la Departamento pri Edukado kun diversaj proponoj. Kiel junulo, Ivano parolis Esperanton flue, ĝuste kaj kun ludema inventemo, ne malpli bone ol kiu ajn en Aŭstralio. Ĝi estis la lingvo kiun li uzis kun siaj plej intimaj amikoj, kaj kompreneble kun Heather. La kerno de ilia socia vivo estis la samideanaro, kaj kompreneble la familio. Post emeritiĝo, li daŭre flegis la lingvon, kaj trapasis la ekzamenon de la Eŭropa Komunumo je la nivelo C1, la plej alta nivelo ekzaminebla. Tio estis konfirmo ke li estis inter la plej kompetentaj Esperanto-parolantoj en la mondo. Pri tio li tre fieris.

Ivano estis unu el la plej bone konataj Esperantistoj en Aŭstralio, ne nur pro sia lingva kompetenteco, sed ankaŭ pro siaj talentoj kiel gvidanto, por sia kapablo analizi problemojn kaj serĉi solvojn, kaj super ĉio pro sia bonkoreco kaj nesubprenebla personeco. Lia amo pri lingvoj kaj lia eksterordinara kapablo ellerni plurajn, kontribuis al lia internacieca kompreno pri la mondo kaj lia kapablo interkomuniki kun homoj de la plej diversaj kulturoj kaj lingvoj. Aŭstralianoj ĝenerale ne interesiĝas pri fremdaj lingvoj, kaj malmultaj interestiĝas pri aliaj kulturoj aŭ internaciaj aferoj. Ivano estis escepto, unika, neforgesebla kaj multe amata amiko.



Danielo Kane

---

"Kara Heather, (eltiro el retmesaĝo sendita al Heather. Kompreneble tradukita el la angla)
Saluton! (Tiu vorto estis en Esperanto en la originalo)
Estas bedaŭrinde ke Ivan finis sian vivon en tia malĝoja stato. Mi kompatis vin kaj lin ĉe la fino. Mi nur esperas ke li memoris kelkajn el la bonaj aferoj kiujn li certe spertis pri Esperanto en la jaroj antaŭ ol mi konis lin. Li nun ne bezonas pripensi kiom negativa li estis pri la subteno de AEA al Hazairin kiu provis restarigi Esperanton en Indonezio en 2004. Nek kiom malĝentila li estis al mi, kiel vi supozeble memoras, kiam mi vizitis Melburnon, frue en mia prezidanteco de AEA en 2008 "
Dianne
Rimarko de Roger: Notu, eble la antaŭaj problemoj ĉe AEA ne estus okazintaj se Diano estus aŭskultinta Ivan en 2004

Saluton Roger!
Jen la adreso de ĉarma nova kapabla esperantisto el Nepalo, nun en Melburno, kiu deziras ricevi la novaĵilon.
Daŭran sukceson je via tre bona laboro! Ĵenifa

AE deziras multajn tiajn leterojn. Aldonu viajn Esperanto-konatojn, lernantojn, ktp, al AE adresaro.

"Estas nur du manieroj vivi. Unu estas kvazaŭ nenio estas miraklo. La alia estas kvazaŭ ĉio estas miraklo."
- Albert Einstein **Sendis Jonathan Cooper**

Enmetu Esperanto tekston kaj ĝi estos laŭtlegata (Elektu Esperanton kiel lingvon unue!)
Bedaŭrinde la programo ne rekonas ĉapelojn, sed entajpu ekzemple "mi sxatas" kaj funkcios. Sed se estas "mi ŝatas" li legas simple "mi atas"
http://www.oddcast.com/home/demos/tts/tts_example.php?sitepal
Amike, Nicole

"Pentrarto: la arto protekti ebenaĵojn de la vetero kaj montri ilin al la kritiko."
- Ambrose Bierce Sendis Jonathan Cooper

"Teologoj opinias, ke ili scias la demandojn sed ne povas kompreni la respondojn. Fizikistoj pensas ke ili scias la respondojn, sed ne povas kompreni la demandojn."
- John D. Barrow Sendis Jonathan Cooper

## Aŭstralia Esperanto-Asocio (ACN 121 495 789)

Formularo por Membriĝo• ĝis 31 Decembro 2013
*Membership Form • until 31 December 2013*
Bonvolu uzi unu formularon por ĉiu persono | *Please use one form for each person*

Plena membriĝo | *Full membership*

Ordinara Plena Membro - Koncesia | *Ordinary Full Member – Concession*

Dumviva Membro | *Lifetime Member*
Dumviva Membro Aĝa Koncesio | *Lifetime Member - Age Concession over 65 years*
Eksterlanda Membro | *Overseas Member*
Asocia Membriĝo | *Associate Membership*
Familia Membro | *Family Member* / Junula Membro (ĝis 21j)|*Youth Member (to 21 yrs)*
Membra Organizo
Laŭ leĝo via nomo kaj adreso sube aperos sur oficiala registro de membroj.
*By law your name and address below will appear on the official register of members.*

AUS $

$ 35.00
$ 25.00
$600.00
$300.00
$ 25.00
$ 10.00
$ 10.00
$ 35.00

____________________ ____________________ ________________________

persona nomo | *first name* familia nomo | *last name* subskribo | *signature* dato | *date*

______________________________________________________________________________

Adreso |*address*

________________________ ______________________________ ________________________

telefono | *telephone* retadreso | *email address* skajpo-nomo | *skype name*

Indiku informojn kiujn vi permesas al ni publikigi (ek. adresaro):*Tick the information you allow us to make public (eg. adresaro):*

❑ ĉiuj| *all* ❑ nomo| *name* ❑ adreso| *address* ❑ telefono| telephone ❑ retadreso| email ❑ skajpo| *skype* ❑ neniu| *none*

Pago de kotizo por membriĝo | *Payment of membership fee - amount paid* $_________

Mi kunmetas ĉekon aŭ monokuponon al:

*I am including a cheque or money order to*: " Australian Esperanto Association"

aŭ

Mi deponis la monon rekte en la CBA konton de AEA: | BSB: 066 - 136 a/c #: 0090 – 3636

I paid the money directly into the CBA bank account of AEA: date ___/___/_____ Ref: _____________

Bonvolu sendi vian subskribitan, plenigitan formularon kun pago al:*Please send your signed, completed form with payment to:* Treasurer,
Australian Esperanto Association,
C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne, 3001

Se vi havas iun ajn demandon pri ĉi tiu formularo, kontaktu " Membraj Servoj" |
*If you have any questions about this form, contact the Director of Member Services*
La AEA statuto kaj celoj haveblas ĉe: | *The AEA constitution and aims are available at*: http://aea.esperanto.org.au

Ni bonvenigas kontribuaĵojn al Esperanto sub la Suda Kruco (ESK). Se vi volas doni ion ajn por publikado, ek. ŝatataj diraĵoj, frazoj, vortoj, fotoj, artaĵoj ktp, bonvole skribu ĉi tie, aŭ alternative bonvole sendu materialon al esk2@esperanto.org.au.

We welcome contributions to Esperanto sub la Suda Kruco (ESK). If you would like to give anything for publication, eg. favourite Esperanto quotes, sayings, expressions, words, photos, artwork etc, please do so here, or alternatively please send any material to esk2@esperanto.org.au.

Optional:

Ĉu vi estas membro de alia organizo/asocio (ekz. Verda partio, skoltoj, Rotary,......) bv menciu ĝin.
*Are you a member of another organization/association (Greens, Scouts, Rotary,....), please tell us.*

Bonvolu skribi suben se vi havas iun ajn demandon aŭ komenton pri ĉi tiu formularo.
*Please write if you have any questions or comments about this form.*